Jaro V * N.° 50ª Februaro * 1908


# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

**La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos**




## Cirkulera-Letero de D.ro L. L. Zamenhof

### Al ĉiuj Esperantistoj

Varsovio, la 18.an de Januaro 1908.

En la jaro 1900, kiam la esenco de la internacilingva afero estis ankoraŭ tro malmulte konata kaj la mondo pensis, ke ekzistas diversaj lingvoj internaciaj, kiuj inter si batalas, sinjoroj Couturat kaj Leau en Parizo fondis «Delegacion», kies celo estis: peti la Internacian Ligon de Akademioj, ke ĝi esploru, kiu el la ekzistantaj artefaritaj lingvoj taŭgas plej bone por la rolo de lingvo internacia, aŭ elekti mem komitaton, kiu esplorus tiun ĉi demandon. Kvankam, de la jaro 1900 ĝis nun, la vivo jam *mem* solvis la diritan demandon, tamem, por plenumi sian promeson, la Delegacio, en Oktobro 1907, kunvokis komitaton, kiu devis elekti lingvon internacian. Sed bedaŭrinde la komitatanoj ne ĝuste komprenis sian taskon, kaj, elektinte Esperanton, ili decidis fari en ĝi *reformojn*, forgesante, ke tia tasko tute ne estis kaj neniam povis esti komisiita al ili. Tiu ĉi tre bedaŭrinda decido estis kaŭzita de kelkaj tre gravaj malkompreniĝoj:

1° Oni forgesis, ke la afero de lingvo internacia estas nun ankoraŭ en la stato de *propagando;* ke la mondo ne akceptas lingvon internacian ne pro tiuj aŭ aliaj ĝiaj *detaloj*, sed nur pro malkonfido al la *tuta* afero; ke sekve nun ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj kaj gustetoj, kaj ni ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en plej severa *unueco*, por ke ni akiru por nia afero la *konfidon* de la mondo. Kiam nian aferon prenos en sian manon ia granda *forto* (ekzemple la registaroj de la ĉefaj landoj), kiu per sia potenco povos doni al ni ne senvalorajn tro memfidajn vortajn promesojn, sed plenan *garantion*, ke ĝi alkondukos nian aferon al la celo *pli certe* ol ni kaj ke ĝi ne faros facilanime iajn decidojn, antaŭ ol ili *tute mature* kaj perfekte estos pripensitaj kaj praktike *elprovitaj* kaj *fiksitaj*, tiam ni povos konfide transdoni al tiu potenca forto la sorton de nia afero; sed se *privataj* personoj, kiuj havas nek ian aŭtoritaton, nek ian forton, postulas, ke ni forlasu la vojon, kiun ni pacience kaj sukcese sekvis en la daŭro de multaj jaroj, kaj ni ko-

mencu plej danĝerajn rompajn eksperimentojn, ĉiuj veraj esperantistoj energie protestos. Nun, kiam ni estas ankoraŭ tro malfortaj, ni povas atingi nian celon nur per *severa disciplino* kaj per *absoluta unueco;* alie ni pereigos nian tutan aferon por ĉiam, por *ĉiam*; ĉar kiu scias, kun kia grandega malfacilego kaj per kia superhome pacienca dudekjara laborado de multaj miloj da personoj estas atingita la nuna favora rilato de la mondo al nia afero, tiu komprenas, ke se, pro interna malpaco, Esperanto nun pereus, la mondo jam neniam, *neniam* volos ion aŭdi pri la nova lingvo internacia, eĉ se ĝi estus ne senviva teoria produkto de multaj reciproke malproksimaj kapoj, sed la plej genia kreitaĵo! Mi ripete memorigas tion ĉi al la reformistoj, mi ripete kaj insiste petas ilin, ke ili pripensu, kion ili faras, ke ili ne ruinigu tiun grandan kaj gravan aferon por kiu ni ĉiuj laboras kaj por kies ebla pereo la posteuloj iam severe nin juĝus.

2° Oni forgesis, ke ne sole eĉ en sia nuna formo Esperanto en la praktiko montriĝis perfekte taŭga por sia rolo kaj ke plibonaĵo povas fariĝi danĝera malamiko de bonaĵo, sed ke se eĉ *efektive* aperus la neceseco plibonigi Esperanton, la solan kompetentecon kaj rajton por tio ĉi havas ne flankaj personoj, sed nur la *esperantistoj mem.* Kaj en ĉiu momento, kiam plibonigoj montriĝos efektive necesaj kaj ĝustatempaj, la esperantistoj tre facile *povas* ilin efektivigi. Ĉar ĉiu rakontado pri ia baro, kiun kvazaŭ prezentas la Bulonja Deklaracio, aŭ pri ia kvazaŭa senviveco kaj senforteco de nia Lingva Komitato, estas simpla malvero, per kiu oni penas fortimigi de ni tiujn personojn, kiuj ne konas bone la staton de la aferoj.

Ĉiu, kiu legis la antaŭparolon de la «Fundamento de Esperanto» scias tre bone, ke ĝi ne sole ne prezentas ian baron kontraŭ la evolucio de la lingvo, sed kontraŭe, ĝi donas al la evolucio tian grandegan liberecon, kiun neniu alia lingvo iam posedis eĉ parte. Ĝi donas la eblon, se tio estus necesa, iom post iom eĉ ŝanĝi la tutan lingvon ĝis plena nerekonebleco! La sola celo, kiun la Fundamento havas, estas nur: gardi la lingvon kontraŭ *anarĥio*, kontraŭ reformoj *arbitraj* kaj *personaj*, kontraŭ danĝera *rompado*, kontraŭ forĵetado de malnovaj formoj antaŭ ol la novaj estos sufiĉe *elprovitaj* kaj tute definitive kaj sendispute *akceptitaj.* Se la esperantistoj ĝis nun tre malmulte faris uzon de tiu granda libereco, kiun la Fundamento al ili donas, ĝi ne estas kulpo de la Fundamento, sed ĝi venas de tio, ke la esperantistoj komprenas tre bone, ke lingvo, kiu devas trabati al si la vojon ne per ia potenca dekreto, sed per laborado de amasoj, povas disvolviĝi nur per tre singarda vojo de natura *evolucio*, sed ĝi tuj mortus, se oni volus ĝin disvolvi per kontraŭnatura kaj danĝerega vojo de *revolucio.*

Cetere, se la Bulonja Deklaracio efektive prezentus ian malbonaĵon aŭ neprecizaĵon, kiu do malpermesas, ke iu proponu ĝian ŝanĝon aŭ eĉ ĝian tutan forigon? Jes, tiuj sinjoroj, kiuj sub la influo de agitantoj diras, ke la «Fundamento» prezentas «eternan baron kontraŭ la evolucio de Esperanto», parolas pri afero, kiun ili tute ne konas!

Ĉar la Lingva Komitato ĝis nun faris ankoraŭ neniun rompon en la lingvo, tial la reformistoj ĝin kulpigas, ke ĝi estas senviva, senforta, senaŭtoritata, sentaŭga! Sed se ĝi estas malbona, kiu do malpermesas, ke la esperantistoj mem ĝin reorganizu? Anstataŭ semi malkontentecon, malpacon kaj ribelon, ĉu ne estus pli bone, se iu el la malamikoj de la nuna Lingva Komitato prezentus projekton de reorganizo de tiu ĉi komitato? Se la projekto estos bona, ĝi ja certe estos akceptita; mi povas eĉ sciigi la malkontentulojn, ke la prezidanto de la Komitato mem preparas nun projekton de reorganizo, kiun li intencas prezenti al la plej proksima kongreso. Per vojo de paco kaj harmonio ni ĉion povas krei, per vojo de malpaco kaj ribelo ni ĉion nur detruos.

Por fari reformojn en Esperanto, la «Delegacia Komitato» ricevis komision nek de la esperantistoj, nek de siaj propraj delegintoj (kiuj ne sole ne donis, sed eĉ ne *povis* doni tian strangan komision); siajn proprajn, de neniu rajtigitajn postulojn de

reformoj—kiuj apogis sin sur zorge kolektitaj voĉoj de kelka nombro da malkontentuloj, sed tute ignoris la opinion de multaj dekmiloj da personoj, kiuj estas kontraŭ ĉiuj ŝanĝoj—la Delegacia Komitato prezentis al la esperantistaro en formo tre ofenda, postulante, ke la tuta multemila kaj longe laborinta esperantistaro akceptu la decidojn, kiujn kelkaj flankaj personoj ellaboris en la daŭro de 8-10 tagoj; ili eĉ malhumile postulis, ke tiuj decidoj estu akceptataj *tuj*, ne atendante la esperantistan Kongreson; tial la sola respondo, kiun ni devis doni al la postulantoj, estus simpla kaj tuja rifuzo. Sed ĉar troviĝis personoj, kiuj per ĉiuj eblaj rimedoj komencis grandan kaj lertan agitadon inter ĉiuj esperantistoj, penante per ĉiuj fortoj ruinigi la harmonion, kiu ĝis nun regis inter ni, penante semi malpacon kaj malkontentecon kaj kredigi al ĉiu aparte, ke ĉiuj postulas reformojn, nur la ĉefoj kontraŭstaras; kaj ĉar ni komprenis tre bone, kiel pereiga povas fariĝi por nia tuta afero ĉia publika malpaco kaj skismo, precipe se ĝi al la nenion scianta publiko estas tute malvere prezentata kiel «deziro de multaj societoj»; tial ni en la daŭro de tri monatoj faris ĉion, kion ni povis, por kvietigi la ribelantojn en ia paca maniero. Ni multe korespondis kun ili, penante klarigi al ili, kiel danĝerega ilia agado estas por tiu afero, kies amikoj ili sin kredas; ni prezentis la demandon al la voĉdonado de ĉiuj membroj de la Lingva Komitato; kaj kiam la Lingva Komitato rifuzis akcepti iliajn strangajn kaj tro grandajn postulojn, ni eĉ decidis, ke ni *mem* en nia propra nomo prezentos al la esperantistoj iliajn plej ĉefajn postulojn, kvankam ni tute ne vidas en ili ian necesaĵon; sed ni nur deziris, ke ĉio estu farata sen rompado, per vojo laŭleĝa; ke ĝis la komuna akcepto la novaj formoj estu rigardataj ne kiel devigaj, sed nur kiel permesataj, kaj ili ricevu forton nur tiam, kiam la Lingva Komitato ilin aprobos kaj Kongreso esperantista donos al ili sian sankcion.

Sed ĉiuj niaj penoj de pacigo nenion helpis. La postulantoj respondis, ke por ili ne estas aŭtoritata nia Lingva Komitato, nek nia Kongreso, kaj ili rezervas al si plenan liberecon de agado.

Tiam ni estis devigitaj rompi ĉiun intertraktadon kaj sciigi, ke la «Delegacia Komitato» por ni plu ne ekzistas. Laŭ la propra tute preciza programo de la «Delegacio», la Komitato ricevis de siaj delegintoj la komision nur *elekti* ligvon; de la momento, kiam tiu elekto estis farita, la «Delegacia Komitato» ĉesis ekzisti kaj restis nur kelkaj *privataj* personoj, kiuj—laŭ siaj propraj vortoj—fariĝis nun esperantistoj. Sed kiam tiuj kelkaj novaj esperantistoj, kiuj aliĝis al Esperanto nur antaŭ malmultaj semajnoj, ekdeziris dikti leĝojn al la tuta popolo esperantista, kiu laboras jam pli ol dudek jarojn, kaj ĉiuj niaj admonoj nenion helpis, tiam ni simple lasis ilin flanke.

Ni estas konvinkitaj, ke tiuj kelkaj scienculoj, kiuj lasis sin entiri en reton, baldaŭ komprenos la eraron, kiun ili faris; ili baldaŭ komprenos, ke nia gravega kaj malfacilega afero povas atingi sian celon *nur per severa unueco*; kaj pro la bono de ila amata ideo ili baldaŭ discipline aliĝos siajn fortojn al tiu komuna granda armeo, kiu sen personaj ambicioj, en plena harmonio, kaj kun ĉiam kreskanta sukceso, pacience oboras jam tiom multe da tempo. Kiel ĝis nun, tiel ankaŭ plue, ni, esperantistoj, ros trankvile nian vojon.

L. L. ZAMENHOF.

* * *

*Hispana Societo*, la hispanaj «Esperantistaj Grupoj» kaj tiu ĉi modesta gazeto restos ĉiam fidelaj al nia respektinda Majstro. Plej malmodeste la reformistoj kredas ke la plej granda nombro da esperantistoj aliĝos al sia decido; la malon montras, en Hispanujo, multe da poŝtkartoj kaj leteroj de ni ricevitaj.

Antaŭen, do. Al la Lingva Komitato ni plene fidas pri la lingvaj demandoj; nia tasko, tiu de la laboremaj kaj duarangaj esperantistoj, estas la disvastigado de la lingvo. Antaŭen!

Kaj nun, unu demando. Kiu estas sinjoro *Ido*? Kial li kaŝas sin tiel longatempe?

# ESPARTO

Tiu ĉi titolo, kara leganto, ne estas erara. Mi ne volas nun paroli pri nia ideo Esperanto, sed pri afero vulgare komerca, Esparto, kaj ĉar ĝi estas «cosa de España» mi pensis ke povas esti por vi interese iom legi pri ĝi verkita de samideano kiu elkonas la aferon kaj ĝian ekspluatadon.

Nu, Esparto estas herba kreskaĵo, nomita botanike *Macrochloa*, aŭ *Stipa Tenacissima*. La Araboj nomas, ĝin *Alfa*, vorto kiu rememorigas la hispanan *Alfalfa* per kiu ni nomas Lucernan Trifolion (Medicago Sativa). En Eŭropo esparto kreskas nur en Hispanujo, kaj el tiu lando nur en la suda regiono, precipe en la provincoj Murcia, Granada, Almeria, Albacete kaj Jaen. Ankaŭ en Afriko ĝi kreskas en la tuta norda parto de Maroko ĝis Egiptujo, sed kiel komercaĵo ĝi estas konata sole en Alĝerujo, Tripolujo kaj iom en Tunisujo. La *gramineo* pritraktita kreskas sur montaj landoj kies tero estas iom kalka kaj fera. Ĝi estas nekulturata kreskaĵo kaj la bienhavantoj en nia lando preskaŭ ĉiuj malzorgas pri ĝia konservado spite la tre efektiva valoro kiun ĝi posedas. Pro tio, precipe, la rikolto malkreskas jaron post jaro; kredeble por klarigi kaj pardonigi tiun nezorgon la terlaboristoj diras ke «ne estas eble» semi esparton; sed tio estas tute nevera. Sendube la semo estas tre malgrandeta kaj malfacile kolektebla, kaj ĝi donas rikolton nur post deko da jaroj, tial ke la penado semi ŝajnas vana. Precize ĉar esparto kreskas en teroj malriĉaj, sekaj kaj ŝtonplenaj ĝi meritas multe pli da estimo. Sed tio ĉi ankaŭ estas «cosa de España».

Feliĉe, ĝi estas forta, sana kreskaĵo kiu rezistas ekstremajn gradojn da varmeco kaj da malvarmeco. Aliamaniere ĝi estus malaperinta en Hispanujo antaŭ centjaroj. Certe estas ke esparto kreskadas (ĉar oni lasas ĝin kreski), sur teroj kiuj estas kapablaj produkti pli valorajn rikoltojn. Tamen pro la multegaj, kejmaj uzoj kiujn la kamparanoj faras de esparto ĝia efektiva valoro estas por ili malfacile kalkulebla kompare kun aliaj rikoltoj vendotaj por mono.

En kelkaj regionoj oni ne rikoltas la esparton tie kreskantan aŭ nur la kvanton kiun la laboristoj bezonas por siaj hejmaj aferoj. Malgraŭ tio, mi kalkulas ke la ĉiujara kolekto de esparto en nia lando sumas 150 milionoj da kilogramoj, kies valoro en vendejo estas, proksimume, 16 milionoj da pesetoj (aŭ frankoj.) El tiu grava sumo kvar kvinonoj konsistas el salajroj, transportaj elspezoj, k. t. p., nur kvinono estas profito por la bienhavantoj—(kiuj nenion elspezas).

Esparto kreskas sur la stepoj dissemita laŭ aroj, nomitaj hispane «atochas»; ĉiu «atocha» kreskas iom aparta de la aliaj, kaj konsistas el unu sola planto aŭ fasko da plantoj. Ĝi atingas altecon de unu metro, sed pli ofte la bledoj mezuras nur duonmetron, kaj la floranta trunko, aŭ kano, povas esti alta je du aŭ tri metroj. La maturaj, sekaj, bledoj estas tute rondaj, glataj, neartikitaj kaj tre fortaj. Ili estas flekseblaj kiel fadeno, sed neniel streĉeblaj aŭ rompeblaj per la neprokteklita mano. Tiuj ecoj donas al esparto ĝian rimarkindan valoron en la Industrio. Kuirita kaj kombita (kiel oni laboras ankaŭ kanabon, linon k. c.), esparto estas ŝpinita, teksita kaj plektita por fabriki ŝnurojn, matojn, aŭ korbojn el mil specoj. Ankaŭ ne kuirita, en ĝia natura stato, oni fabrikas el ĝi similajn aferojn sed el pli maldelikataj kvalitoj. Fine, tiel ĝeneral kaj diversa estas en tiu ĉi regiono la ĉiutaga uzado de esparto ke mi nur povas kompari ĝin al la Kokusarboj en Koralaj Insuloj, kies enloĝantoj ĉerpas el tiu bonfara kreskaĵo manĝon, trinkon, veston kaj domon.

Spite tiom da alfaraĵoj donitaj al esparto en nia lando restas ĉiam *superavit*, kalkulebla kiel unu triono da la ĉiujara rikolto. Tio ĉi estas proksimume 50.000 tunoj (po 1.000 kiloj) kiuj estas konstante elportataj Anglujon, aŭ pli ĝuste Skotlandon, ĉar Anglujo mem konsumas nur malgrandan proporcion de la hispana rikolto. La

Angloj de kvardek jaroj, utiligas esparton, kiel ĉifonaĵojn, por la fabrikado de papero, kaj estas kurioze ke neniu alia fremda lando sciis eltiri profiton el fibro kiu tiel bone taŭgas por tiu industrio. Kredeble tiu fakto estas klarigebla, sed la kaŭzoj estas multaj kaj mi ne povas nun pritrakti ilin ĉar tiel mia artikoleto fariĝus tro longa kaj laciga. Sufiĉu diri ke Grand-Britujo aĉetas al ni ciujare 50 milionoj de kilogramoj da esparto, kaj por ili pagas al ni kvin milionojn da frankoj. Antaŭ tridek jaroj, laŭ mia memoro, esparto havis en Grand-Britujo trioblan prezon, sed pro diversaj cirkonstancoj, precipe la konkurenco de lignopasto, ni iom post iom deviĝis akcepti prezojn-ĉiam malpli altajn.

En Nord-Afriko ekzistas vera «oceano» da esparto, sed kvankam el tiu mondparto estas forsendita tri-kvar fojojn pli ol el Hispanujo, oni povas diri ke nur la bordero estas tuŝita. Kiam la prezo en Anglujo plialtiĝos kaj la facilaĵoj por transportado pligrandiĝos la tiea komerco nepre kreskos multe. Afrika esparto estas pli lignema ol la hispana; tial ĝi enhavas malpli da fibro utiligebla, sed la elspezoj necesaj por pretigi ĝin por paperfabrikado estas multe malpli ol en Hispanujo. Tial, ĝi faras al nia esparto, same kiel lignapasto, fortan konkurencon en fremdaj vendejoj.

Pensu la leganto ke esparto estas nur ero sensignifa, preskaŭ nekonata kaj tute nezorgata, el nia nacia riĉeco kaj ke spite tio ĉio ni ĉerpis el ĝi dum la lastaj dudek jaroj pli ol cent milionoj da frankoj, kaj li konvinkiĝos ke Hispanujo estas, aŭ devas esti, unu el la plej riĉaj nacioj en Eŭropo. Feliĉe Dio zorgas pri ni. Ni donu dankon al Li.

N. MACLEAN.

# Moralaj aforismos de Seneka

**Tradukis Pérez Alcorta.**

1. En la malbono nur povas esti unu bono; la honto esti ĝin farinta.
2. Sufiĉus, kiel rimedo, esti plibonaj ol la malbonaj.
3. Ne estas tre granda la animo de tiu, al kiu plaĉas la teraj aferoj.
4. Ni penu forgesi tion, kio alportita al la memoro malgajigas nin.
5. Necesaj estas novaj favoroj de la sorto por konservi la feliĉon.
6. Estas dolore, ke ni komencas la vivon, kiam ni mortas.
7. Facile oni akiras tion, kio estas sufiĉa por vivi.
8. La spertado estas necesa por scii io ajn.
9. La kuraĝo ambicias ĉiam la danĝerojn.
10. Malgranda ilaro sufiĉas por bone vivi.
11. Ĉiuj samopinias kontraŭ la malbonfarado.
12. Por virino, kiu estas malbela, estas argumento sin nomi ĉasta.
13. Neniu estas tiel humila, ke li ne havas povo por fari al iu malutilon.
14. Virta pruvo estas, malplaĉi al la malbonuloj.
15. Tro frue mortas la homo, por ke li povu koni la nemorteblajn aferojn.

★ ★ ★

# SECCIÓN GRAMATICAL

**M. M.**—No exagere V. su preocupación; claro está que de algunos de esos compuestcs de preposición y raíz verbal podrá V. encontrar el equivalente exacto castellano, pero no de todos. *Iri*=ir; *eniri*=ir dentro, entrar; *eliri*=ir fuera, salir; pero para expresar esas ideas compuestas *ir dentro*, *ir fuera*, tenemos en castellano voces especiales, *entrar*, *salir*, lo que no ocurre, en general, para todos los demás compuestos que se pueden formar en Esperanto. Tomemos, por ejemplo, la raíz *glu'*=pegar, y traduzcamos las oraciones *pega esto á la pared*, *pega esto sobre la tapa del libro*, *pega estos dos trozos de madera*. El verbo en castellano no varía, y bieu podíamos traducirlo al Esperanto por *glui* en las tres frases, como V. propone; pero ¿por qué no usar de las preposiciones que anticipan con su sentido la idea que luego ha de expresarse? Usemos, pues, en aquellas tres oraciones los verbos *alglui*, *surglui* y *kunglui*, sin que esté sujeto á desfavorable crítica el uso sencillo de la raíz *glu'*.

**H. D.**—*Mi desegnis la arbon grandan*=he dibujado el árbol grande, el más grande; *grandan* en esa frase concierta en caso con el substantivo, determinando por su magnitud el árbol que yo he dibujado, el grande y no otro. *Mi desegnis la arbon granda*, expresa que en el dibujo le he dado al árbol grandes proporciones. —No le puedo dar regla fija para interpretar el sentido que dan á la frase esos adjetivos en nominativo que acompañan á un substantivo en acusativo, pues dependen del verbo; compare V. las siguientes frases y V. verá que, sin regla alguna, se comprende en seguida el concepto que expresan:

*Mi juĝis tiun ĉi homon senkulpan.—Mi juĝis tiun ĉi homon senkulpa.*
*Mi trovis vian afablan poŝtkarton.—Mi trovis vian poŝtkarton afabla*
*Mi nomis mian filon Adolfon.—Mi nomis mian filon Adolfo.*

Vea V. ahora los siguientes frases:

*La Kutimo faris lin indiferenta.*—(Zamenhof.-Hamleto. V. I.)
*Kion vi intencas nun fari por vin montri inda filo?*—(Zam.-Hamleto. IV. 7.)

Como la mayor parte de las consultas recibidas se refieren al acusativo en sus diferentes clases, basta con lo apuntado para contestar á su pregunta, pues en el número próximo dedicaremos la «Sección Gramatical» al estudio completo del acusativo, y hablaremos con más extensión del acusativo de claridad.

HISPANO.

# Kuriozaĵoj

## LA SUNO HISPANA KAJ LA ANGLA PLUVO

El kurioza statistiko, kiun publikigas pariza gazeto ni elĉerpas la jenajn kurioznotojn.

La lando plej sunita de Eŭropo estas Hispanujo, kie oni kalkulas ĉirkaŭe 3.000 horojn jare je hela suno.

Italujo havas ĉirkaŭe 2.300; Francujo, 2.200; Germanujo, 1.700 kaj Anglujo nur 1.400, tio estas, la duonon de Hispanujo.

Kontraŭe, Anglujo estas unuavice koncerne la pluvo, ĉar sur Skotujo oni kalkulas altecon da akvo je 8.890 milimetroj; Londono havas cent-sepdek-ok pluvajn tagojn are; sur la plej malsekaj regionoj el Germanujo oni kalkulas ne pli ol 1.290 milimeroj da akvo.

# Noticias del extranjero

**Alemania.**—*La Kvaro por la Kvara*, constituído como dijimos en el número anterior, ha empezado con éxito sus trabajos. La fecha del Congreso es del 16 al 22 de Agosto. Como población esperantista se ha elegido «Weisser Kirsch» (Ciervo blanco), pueblecillo encantador, próximo á Dresden y conocido en todo el mundo como excelente sanatorio. La conquista esperantista de la población ha empezado. El 11 de Noviembre se celebró la primera reunión preparatoria de la Sociedad de Dresden «Esperanto». El presidente de la misma y *kvarano* Dro. Schramm dió una conferencia sobre los trabajos efectuados y pendientes de realización. Asistieron muchísimas personas influyentes de la población y el Municipio prometió ayudar eficazmente al Congreso. Veinte policías y también comerciantes y fondistas asisten á los cursos organizados por la sociedad citada. Puede, pues, asegurarse que Dresden se prepara dignamente para festejar y atender á los congresistas. La propaganda continúa en todo el imperio y se han fundado grupos en Bonna, Rh., Danzig, Erfurt, Konigsberg, Reval y Zittan.

**Inglaterra.**—Contando los grupos últimamente fundados en Halifax, Hawich High, Wycombe, Middlesbrough, Stockton, Exworth y el segundo grupo de Norwich, los afiliados á la British Esperanto Association dan un total de 98.

Para demostrar la laboriosidad de nuestros compañeros ingleses baste decir que durante los meses de octubre y noviembre han dado en todo el Reino Unido más de cuarenta conferencias.

**Bélgica.**—Entre los trabajos de propaganda celebrados útlimamente, son de notar las conferencias del teniente Cardinal en la Sociedad Esperantista de Bruselas, del profesor Frans Swagers en la Universidad popular, del comandante Lemaire en la Escuela Superior de Industrias de Charleroi, del Sr. Blanjan en Lacken y del abogado Sr. Joh. Jongen en Lieja. Se han fundado grupos en Charleroi, Boom y un segundo en Namur.

**Portugal.**—En el mes de Noviembre se fundó el primer grupo esperantista de Portugal en *Porto* con el nombre de Porta Grupo Esperantista (Largo do Laranjal r. Porto.)

**Estados Unidos.**—El muchísimo trabajo que hasta hoy pesaba sobre The American Esperanto Association para facilitar informes y vender libros, hizo pensar en la necesidad de que los grupos de los diversos estados se federasen por secciones. Illinois ha dado el ejemplo fundando la Illinois Asocio Esperantista el pasado Julio; todos los grupos del estado se han adherido, y se estudia la fundación de sociedades análogas en los demás estados. Se han organizado los siguientes grupos: de la Universidad de Pensylvania, Indianapolis Esperanto Society, Wáshington Esperanto Society, y Non nobis solum Esperanto, en Evansville, III.

**De todas partes.**—*La Revista Teosofista* de San Petersburgo publica una sección esperantista bajo la dirección del profesor de Esperanto E. V. Radvan-Ripinski.—En Parana (Brasil) se ha fundado un grupo.—Se ha abierto una oficina informadora en Fiume (Hungría) via della Riva, 2, dirigida por el Sr. Rudolfo Giliĉ.—En la India han fundado grupos en Bombay, Agra, Rawalpindi, Surat, Broach y Lamnagar.—Recibimos de Francia numerosas noticias que manifiestan el fervor con que nuestros vecinos prosiguen sus trabajos de propaganda; cursos, conferencias, artículos periodísticos, todos los medios son empleados para llevar el Esperanto al más pequeño rincón de la República.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

A la serio da novaj komitatoj elektitaj por 1908 de la hispanaj esperantistaj grupoj, kiun ni presigis en la januara numero, ni aldonas la jenajn:

## DE ESPAÑA

A la serie de nuevas juntas directivas elegidas en los grupos españoles para 1908 y que insertamos en el número de Enero, añadimos las siguientes:

*Cartagena.*—Presidentes Honorarios: Doctor Zamenhof, D. Ricardo Codorníu y D. José Carlos-Roca.—Presidente: D. Luis Calandre Lizana.—Vicepresidente: Don J. José Palacios.—Secretario: D. Andrés Rosique.—Vicesecretario: D. Juan Antón Cánovas.—Tesorero: D. Jerónimo Martínez.—Contador: D. Ernesto Vicente.—Bibliotecario: D. Eleusipo G. Castro.

*Santurce Antiguo* (Vizcaya).—Presidente: D. Guillermo de Gorostiza.—Vicepresidente: D. Tomás Guillén.—Cajero: D. Manuel Mas.—Secretario: D. Ramón A. Berdonces.—Vocales: D. Juan José Mendizábal y D. Jaime San Martín.

*Villacarrillo* (Jaén).—Presidente: D. Crescencio Gutiérrez Zapico.—Secretario: D. Laureano Muñoz Escobar.—Depositario-Contador: D.ª Virginia del Barrio de Gutiérrez.—Vocales: D.ª Enriqueta Fernandez de Muñoz, Srta. Amelia Zapico Díez, D.ª Dolores Mercado de Setiey, D.ª Ramona Giménez de Romero, D. Pedro Setiey Medina, D. Pedro Romero Cantero, D. Leopoldo del Prado Benavides, D. Benito Mármol Garvín y D. Luis Gutiérrez del Barrio.

*Barcelona.*—(Grupo «Paco kaj amo»).—Presidente: D. Juan Bausells.—Vicepresidente: D. Evaristo Brunet.—Secretario: D. Antonio Samper.—Vicesecretario: Don Francisco Isern.—Cajero: D. José Nován.—Contador: D. Pedro Ginabreda.—Bibliotecario: D. José Garbayo.—Recaudadores: D. Enrique Sanges y D. Jaime Montfort.

*Ferrol.*—Presidente: D. Javier Casares.—Vocal: D. Saturnino Montalbo.—Secretario: D. Emilio Bidegain.

Tiu ĉi lasta grupo estis fondata la 25an de Januaro.

El la paroladoj faritaj de niaj senlacaj propagandistoj dum la lasta monato, ni citas plezure tiun de S.ro Juan B. de Miguel Puig faritan ĉe la Barcelona Societo de Amikoj de la Instruado en la solena malferma kunsido okazinta la 19an de Januaro. Laŭ niaj sciigantoj tiu parolado estis vere elokventa kaj sprita. Esperanto estis per ĝi prezentata al multenombra aŭdantaro, en kiu ne mankis belaj virinoj, kaj certe multaj novaj samideanoj estis varbataj. Ni gratulas S.ron de Miguel kaj multe bedaŭras ne esti aplaŭdintaj lian majstran verkon.

Este último grupo se ha fundado el 25 de Enero.

Entre las conferencias dadas por nuestros incansables propagandistas durante el mes último, citamos con gusto la de D. Juan B. de Miguel Puig dada en la Sociedad Barcelonesa de Amigos de la Instrucción en la solemne sesión inaugural celebrada el 19 de Enero. Según nuestros informados, esta conferencia fué verdaderamente elocuente é ingeniosa. El Esperanto fué en ellas presentado al numeroso auditorio, en el que no faltaban hermosas damas, y con seguridad se reclutaron muchos nuevos adeptos. Nosotros felicitamos al Sr. de Miquel y sentimos muchísimo no haber aplaudido su magistral trabajo.

La respektinda prezidanto de Hispana Societo, S.ro Román Ayza, malfermis kurson nur por virinoj ĉe la Institucio por la virina instruado en Valencio. Ĉeestas tridek lernantinoj diversaĝaj, kiuj plej entuziasme entreprenis la laboron. Ni deziras al tiu ĉi kurso, la unua tiaspeca malfermita en nia lando, tiel bonan finon kiel komenco.

La ĉiusemajna revuo ilustrita eldonita en Barcelona *Orbi...* komencis publikiĝi esperantan tradukon de «La Patrino», de S.ro Santiago Rusiñol, verkisto tiel konata kaj ŝatata de la hispana publiko. La traduko estas korektege farita de nia bonega amiko S.ro Alfonso Sabadell, prezidanto de la Barcelona Grupo. Ni rekomendas la legadon de tiu verko.

En ĝenerala kunsido, la Hispana Societo p. p. Esperanto elektis la jenan direktan komitaton:

El respetable presidente de la Sociedad Española D. Román Ayza ha empezado un curso sólo para señoras en la Institución para la Enseñanza de la mujer en Valencia. Asisten treinta alumnas, que han emprendido el trabajo con el mayor entusiasmo. Deseamos á este curso, el primero de su clase abierto en nuestro país, tan buen fin como principio.

La revista semanal ilustrada, editada en Barcelona, *Orbi...*, ha empezado á publicar una traducción esperanta de «La Mare», de D. Santiago Rusiñol, escritor tan conocido y apreciado del público español. La traducción ha sido hecha con gran corrección por nuestro buen amigo D. Alfonso Sabadell, presidente del grupo de Barcelona. Recomendamos la lectura de esta obra.

En junta general, la Sociedad Española para la propagación del Esperanto ha elegido la siguiente junta directiva:

Presidentes Honorarios: Doctor L. L. Zamenhof y D. Ricardo Codorníu.—Presidente efectivo: D. Román Ayza.—Vicepresidentes: D. Vicente Inglada y D. Antonio L. Villanueva.—Secretario Honorario: P. Antonio Guinart.—Secretario efectivo: D. Rafael Duyos.—Cajero: D. Emilio Fabre.—Vocales: D. Augusto Jiménez Loira, D. Manuel Monteagudo, D. Manuel Benavente, D. Santiago García Oltra, D. Andrés Piñó y D. Vicente Marzal.

# Novaj gazetoj

La apero de nova hispana esperantista gazeto korĝojigis nin, ĉar estas la plej bona pruvo pri la antaŭenirado de nia afero ĉe niaj gefratoj. *Stelo Kataluna* brilas de nun en la esperantista ĉielo per propra lumo. Bonvenata estu!

Ni dankas sincere la amajn vortojn senditajn al LA SUNO HISPANA kaj ĉar nova batalanto petas lokon por montri sian fidon kaj kuraĝon, noble kaj sincere, kun malfermitaj brakoj, ni akceptas lin en niaj vicoj.

* * *

*La Alĝeria Informilo*, 8, rue d'Isly, Alger; sesmonata abono, 3'50 frankoj, jarabono, 6 frankoj; aperas ĉiuĵaŭde.

*Stelo Kataluna,* rambla de San Isidro, 30, Igualada (Barcelona, España). Jarabono: en eksterhispanaj landoj, unu jaro, 3 frankoj; unu numero, 0'30 frankoj; en Hispanujo, unu jaro, 2'50 pesetoj; unu numero, 0'25 pesetoj.

*Tutmonda Espero*, Paradís, 12, pral., Barcelona. Jarabono: 3 frankoj. Unu numero: 0'35 frankoj.

Al ĉiuj ni deziras sukcesplenan vivadon.

# Bibliografio

*Por la muzikamantoj.*—Ne nur literaturajn verkojn sed ankaŭ muzikajn ni ricevas preskaŭ ĉiutage. Estas eldonitaj la jenaj: *Birdoj forflugu!*, valso el Guido Gezelle, tradukita de Seynaeve, muziko de Josée Guivy; prezo: 1'60 frankoj; aĉetebla en la Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépede, París.—*Himno*, kanto esperantista, dediĉita al D.ro Noel, poezio de Dombrovski, muziko de Josée Guivy; prezo: 1'25 frankoj; aĉetebla en la Presa Esperantista Societo.—*La Gaja Migranto*, kanto, poezio de L. Zamenhoj, kun angla traduko, muziko de Charles B. Mabon; prezo: 0'60 frankoj; aĉetebla ĉe S ro C. B. Mabon, 144, Berkeley Street, Glasgow.—*Esperanto Marsch* de Aug. Etlinger, prezo nemontrita, aĉetebla ĉe S.ro Peder Friis, Frederiksborggade, 14, Kjobenhavn.

*Esperanta-Germana frazlibro de la ĉiutaga vivo*, laŭ R. Antón, prilaboris J. Borel. —Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin. Prezo: 0'40 markoj.
Utilega libro por ke niaj germanaj samideanoj kutimiĝu al flua parolado de nia helpa lingvo; ankaŭ ĝi estas tre praktika por negermanoj.

La ĉiekonata *Tuto* de E. Ĉefeĉ jam aperis tradukita en dana lingvo. Aĉeteblaj ĉe la Internacia Propagandejo Esperantista, Merton Abbey, London.

*Les Préjugés contre l'Esperanto.*—Réponse á *La Sotisse Espérantiste* de Felicien de Menil. Paris, Bernard Grasset, éditeur, rue Gay-Lussac, 49.
Ĝi sukcese celas respondi la kontraŭesperantan broŝuron *La Sotisse Espérantiste* de S.ro Gaubert; niaj propagandistoj devas ĝin legi, ĉar oni povas renkonti alian S.ron Gaubert kaj bezoni bonan armilon por la batalo.

*Unua legolibro, gradigitaj legaĵoj kun frazlibro kaj modeloj de leteroj*, de doktoro Kabe, Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin. Prezo, 1'50 markoj.

*Internacia Krestomatio*, elektis kaj tradukis Kabe.—Librejo M. Arct, Warszawa: Polujo.
Nia nelacebla samcelano D.ro Kabe nun aperigis du novajn verkojn, la du supre-nomitajn. *Unua legolibro* estos utilega por komencantoj, sed ankaŭ ĝin plezure legos ĉiuj esperantistoj. *Internacia Krestomatio* enhavas legindajn tradukaĵojn: ĉapitron el *Tri musketeroj* de Dumas; alian el *Quo vadis?* de Sienkiewicz; *Bolĉjo* de Gorkij; *Neniam plu* de M. Serao kaj aliaj.
Ĉu estas necese paroli pri la korekteco kaj la stilo, dirinte la nomon de la tradukinto?

*Esperanto Manuel,* cours pratique et complet en 15 leçons par Gabriel Chavet, secrétaire honoraire du G. E. de Paris, secretaire de l'Office Central Esperantiste, professeur diplomé d'Esperanto, et Georges Warnier, lauréat du Groupe Esperantiste de Paris, professeur diplomé d'Esperanto.—2.e édition revue et corrigée.—Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris.—Prezo: 1 franko.
La bona akcepto atingita de la unua eldono de tiu ĉi esperanta lernolibro, pri kiu ni laŭde parolis antaŭ nemulte, okazigis la rapidon elvendiĝon. Nun, zorge korektita, aperas la dua eldono kaj al ĝi ni deziras mallongan restadon en la librovendejoj. Al

S.roj Chavet kaj Warnier, niaj karegaj kaj respektindaj amikoj, ni tutkore gratulas pro tia sukceso, kiun ni jam antaŭdiris.

*Les Nouvelles Langues Internacionales*, suite á l'Histoire de la Langue Universelle, par L. Conturat, docteur en lettres et L. Lean, docteures sciences, trésorier et secrétaire général de la Délégation pour l'adoption d'une langue auxiliaire internationale.—Aĉetebla ĉe S.ro L. Couturat, 7, rue Pierre-Nicole, Paris. Prezo: 2'50 fr.

En tiu ĉi verko, daŭrigo, kiel montras la titolo, de la «Histoire de la Langue Universelle», S.roj Couturat kaj Lean raportas la plej novajn elpensitajn internaciajn lingvojn.

# La ombro

(MIRRAKONTO DE ANDERSEN)

El «Dua libro de l' lingvo internacia.»

(*Daŭrigo.*)

«Jes, mi tiel ankaŭ pensis», diris la eleganta homo, «ke vi min ne rekonos! Mi fariĝis tro korpa, mi litere ricevis viandon kaj ostojn. Ni kredeble neniam pensis, ke vi vidos min iam en tia bona farto! Ĉu vi ne rekonas vian malnovan ombron? Jes, vi certe ne kredis, ke mi iam ankoraŭ revenos. Mi havis feliĉon de l'tago, kiam mi estis ĉe vi la lastan fojon; mi ĉiuflanke fariĝis tre bonhava. Se mi volas min elaĉeti el mia servado, mi estas sufiĉe riĉa por tio ĉi!» Kaj li eksonigis tutan ligaĵon da multekostaj sigeliloj, kiuj pendis apud lia horloĝo, kaj metis sian manon en la dikan oran ĉenon, kiun li portis ĉirkaŭ la kolo. Sur ĉiuj fingroj brilis ringoj kun diamantoj, kiuj ĉiuj estis veraj.

«Ne, mi ne povas ankoraŭ retrovi miajn sentojn!» diris la instruitulo «kiel tio ĉi estas ebla!»

«Io ordinara tio ĉi efektive ne estas!» diris la ombro, sed vi ja mem ankaŭ ne apartenas al la homoj ordinaraj, kaj mi kiel vi scias, de mia infaneco ĉiam iris laŭ viaj piedosignoj. Tuj, kiam mi trovis, ke mi estas sufiĉe matura, por min mem trabati tra l'mondo, mi komencis propran vojon. Mi min trovas en la plej brila si-

# La sombra

(CUENTO MARAVILLOSO DE ANDERSEN)

Del 2.º libro de la lengua internacional.

(*Continuación.*)

«¡Sí, yo también he pensado—dijo el elegante—que no me reconoceríais! Me he hecho demasiado corpulento, yo he recibido literalmente carne y huesos. ¡Es de creer que nunca pensaríais qne me veríais alguna vez en tan buena salud! ¿Acaso no reconocéis á vuestra antigua sombra? Sí, ciertamente no creíais que yo volvería aún alguna vez. Yo he tenido la felicidad desde el día en que yo estaba junto á vos la última vez; yo por todos lados me hice rico propietario. ¡Si yo quiero redimirme de mi servicio, soy bastante rico para eso!»—E hizo sonar toda la sarta de cuños que pendían de su reloj, y llevó la mano á la rica cadena de oro que llevaba alrededor del cuello. En todos los dedos brillaban sortjas con diamantes que eran todos buenosi

«No, yo no puedo todavía recobrar mis sentidos—dijo el sabio;—¿cómo es esto posible?»

«Esto, efectivamente, no es ordinario—dijo la sombra;—pero vos mismo, en verdad, tampoco pertenecéis á los hombres ordinarios, y vos y yo sabemos que en mi infancia siempre anduve por sus huellas. En cuanto encontré que era bastante maduro para manejarme por el mundo, dí principio á mi propia ruta. Me

tuacio, sed nun venis al mi la dezirego vidi vin ankoraŭ unu fojon antaŭ via morto, ĉar morti iam vi ja devas. Ankaŭ tiujn ĉi landojn mi volis vidi ankoraŭ unu fojon, ĉar oni ja ĉiam amas sian patrujon. Mi scias, ke vi ricevis alian ombron; ĉu mi devas al ĝi aŭ al vi ion pagi? Estu tiel bona kaj diru al mi!»

«Ha, ĝi estas efektive vi!» diris la instruitulo. «Ĝi ja estas multege mirinda! Neniam mi kredus, ke al iu lia malnova ombro povus reveni estante homo!»

«Diru al mi, kiom mi devas pagi!» diris la ombro, «ĉar mi ne volus resti ŝuldanto de iu».

«Kiel vi povas tiel paroli» diris la instruitulo, «de ia ŝuldo tie ĉi ne povas ja tute esti parolo. Uzu vian liberon kiel ĉiu alia! Mi tre ĝojas pro via feliĉo! Sidigu vin, malnova amiko, kaj rakontu al mi per malmultaj vortoj, kiel tio ĉi okazis kaj kion vi tie vidis en la varmaj landoj ĉe la najbaro de kontraŭe!»

«Jes, tion ĉi mi al vi rakontos», diris la ombro sin sidigante», sed vi devas al mi promesi, ke vi al neniu en tiu ĉi urbo rakontos, ke mi estis via ombro! Mi íntencas franĉiĝi, mi povas nutri pli ol unu familion!»

«Ne zorgu!» diris la instruitulo, «mi al neniu diros, kiu vi propre estas; prenu mian manon! Mi promesas, kaj unu homo —unu vorto!»

«Unu vorto—unu ombro!» diris la ombro, ĉar tiel li ja devis paroli.

Cetere estis efektive mirinde, kiel tute li estis homo. Lia nigra vesto estis el la plej kara ŝtofo, al tio ĉi li portis elegantajn botojn kaj ĉapelon, kiu povis esti kunpremata, tiel ke oni povis vidi nur la tegmenteton kaj la randojn, ne parolante jam pri la jam konataj sigeliloj, ora ĉeno kaj ringoj kun diamantoj. Jes, la ombro estis tre bone vestita, kaj tio ĉi plej certe faris lin homo.

«Nun mi rakontos!» diris la ombro, kaj ĉe tio ĉi li metis siajn piedojn kun la elegantaj botoj forte premante sur la

encuentro en la situación más brillante. Pero ahora vínome el anhelo de veros otra vez antes de vuestra muerte, porque realmente alguna vez habéis de morir. También quise ver otra vez estos países, porque en verdad siempre se ama á la patria. Sé que recibisteis otra sombra; ¿debo yo abonar algo á vos ó á ella? Sed tan bueno que lo digáis.»

«Efectivamente, tú eres ella—dijo el sabio.—Esto esmuy digno de admiración. Jamás hubiese creído que á alguien podía volverle la antigua sombra siendo hombre.»

«Decidme: ¿cuánto he de pagar?—dijo la sombra,—pues no quisiera quedar deudor de nadie.»

«¿Cómo puedes hablar así?—dijo el sabio;—aquí no se hable ya más de deuda alguna. Goza de libertad como cualquier otro. Me alegro mucho de tu felicidad. Siéntate, antiguo amigo, y cuéntame en pocas palabras cómo sucedió esto, y qué es lo que viste en los países cálidos en casa del vecino de enfrente.»

«Sí, yo os lo contaré—dijo la sombra sentándose!—pero debéis prometerme que á nadie contaréis en esta ciudad que yo he sido vuestra sombra. Pienso casarme; yo puedo mantener más de una familia.»

«No te preocupes—dijo el sabio,—yo á nadie diré quién eres propiamente. ¡Tomad mi mano! Yo lo prometo, y un hombre-una palabra.»

«Una palabra-una sombra»—dijo la sombra,—pues en realidad debía hablar así.

Por lo demás, era efectivamente de admirar como él era todo un hombre. Su traje negro era de la tela más cara; á todo esto, él llevaba elegantes botas y un sombrero que podía comprimirse, de modo que no se viese más que la tapa y el ala, sin hablar de los ya conocidos colgantes, de la cadena de oro y de las sortijas con diamantes. Sí, la sombra estaba muy bien vestida, y esto con más certeza lo hacía hombre.

«Ahora voy á contar—dijo la sombra,—y en eso colocó sus pies en las elegantes botas, pisando con fuerza sobre la

novan ombron, kiu kuŝis kiel hundo antaŭ la piedoj de l'instruitulo; li faris tion ĉi pro fiereco, aŭ eble li volis ligi ĝin al si. La kuŝanta ombro tamen sin tenis silente kaj trankvile por povi bone aŭskulti: ĝi kredeble ankaŭ volis scii, kiel ĝi povus sin liberigi kaj fariĝi propra sinjoro.

«Ĉu vi scias, kiu loĝis en la domo kontraŭ mi?», demandis la ombro. «Ĝi estis la plej bela el ĉio, ĝi estis la poezio! Mi restis tie tri semajnojn, kaj tio ĉi estas tie same, kiel se oni vivus tri mil jarojn kaj legus ĉiujn verkojn poeziajn kaj instruitajn—tion ĉi mi diras kaj ĝi estas vera. Mi ĉion vidis kaj mi ĉion scias!»

«La poezio!» ekkriis la instruitulo, «jes, jes, ĝi vivas sensociete en la grandaj urboj! La poezio! Jes, mi ĝin vidis unu minuton, sed mi tiam estis ankoraŭ dormanta! Ĝi staris sur la balkono kaj lumis, kiel la lumo de l'nordo. Rakontu, rakontu! Vi estis sur la balkono, vi eniris tra la pordo, kaj poste...»

«Poste mi estis en la antaŭĉambro!» daŭrigante rakontis la ombro. «Vi ofte sidis kaj penis rigardi en la antaŭĉambron. Tie ĉi ne estis lumo, tie ĉi estis io kiel duonlumo; sed granda nombro da ĉambroj tie estis unu post la alia, kaj tra iliaj malfermitaj pordoj oni povis ilin vidi ĉiujn. Tie jam estis tre lume, la grandega forto de l'maro de lumo min certe mortigus, se mi alirus proksime al la fraŭlino; sed mi estis prudenta, mi ne rapidis, kaj tio ĉi estis bona!»

L. L. ZAMENHOF.

(*Daŭrigota.*)

nueva sombra, echada como un perro á los pies del sabio; él lo hizo por orgullo, ó tal vez quiso sujetarla á sí. Sin embargo, la tendida sombra permaneció silenciosa y tranquila para poder escuchar bien. Sin duda ella también quería saber cómo podría libertarse y hacerse propio señor.»

«¿Sabéis acaso quién vivía en la casa de enfrente?—preguntóla sombra.—¡Era lo más hermoso de todo, era la poesía! Allí permanecí tres semanas, y es lo mismo que si hubiese vivido tres mil años y hubiese leído todas las obras poéticas é instructivas. Esto digo, y es verdad. Todo lo ví y todo lo sé.»

«¡La poesía!—exclamó el sabio—sí, sí; ¡ella vive sin sociedad en medio de las grandes ciudades! ¡La poesía! Sí, yo la ví durante un minuto, pero entonces yo estaba todavía durmiendo. Ella estaba en el balcón y resplandecía como la luz del norte. ¡Cuenta, cuenta! Tú estabas en el balcón; entraste por la puerta, y después...»

«Después estuve en la antecámara—contó la sombra continuando.—Vos, con frecuencia, os sentabais y os esforzabais por mirar en la antecámara. Aquí no había luz; había algo así como media claridad; mas había allí gran número de habitaciones, una tras otra, y á través de sus puertas abiertas podían verse todas. Allí había ya mucha luz; la enorme fuerza del mar de luz, con seguridad me hubiese hecho perecer si me hubiese aproximado á la joven; pero fuí prudente, no me apresuré, y esto fué bueno.

L. L. ZAMENHOF.

(*Se continuará.*)

# Spritaĵoj

Glora kantisto estis grave malsana. Kiam nur restis al li malmultaj minutoj da travivo, unu el liaj amikoj vizitis lin kaj demandis lin kiel li fartas.

—Tre bone, kara amiko, mi estas tuj kantonta la finan arion, respondis la artisto.

* * *

Gedeono plendas pro tio, ke liaj amikoj prezentas al li por interkonatiĝo multe da personoj.

Tute indignite li ekkrias:

—Kio plej kolerigas min estas, ke oni ĉiam prezentas al mi personojn, kiujn mi ne konas!

* * *

Infana logiko.

*La instruisto.*—Kiu reĝis post Alfonso XI?

*La lernanto.*—Reĝo Alfonso XII.

* * *

Preterveturanto surmarŝas senatente piedon de bela sinjorino.

—He, besto! alparolas kolere la virino, ĉu vi estas blindulo?

—Pardonu, belulino! aldiras ĝentile la demandito. Vi havas tiel malgrandan piedon ke por vidi ĝin estas necesege mikroskopo!

* * *

Aritmetika ekzameno.

*La profesoro.*—Du piedveturantoj deiras de vilaĝo kaj suriras saman vojon. La unua ekiras je la kvina horo matene kaj marŝas kvin kilometrojn por ĉiu horo; la alia foriras je la sepa horo sed por ĉiu horo marŝas ses kilometrojn. Kie ili renkontiĝos?

*La lernanto.*—Ĉe la unua survoja gastdrinkejo.

## NIAJ FRATAJ VIZITANTOJ

*Afrika Esperantisto,* 4, rue du Marche, Alĝer, senpage.
*Amerika Esperantisto,* 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. Ŝ. A. fr. 5'25.
*Antauen Esperantistoj!!!* Apartado 927, Lima, Perú, fr. 3.
*Brazila Revuo Esperantista,* rua da Assemblea, 46, Rio de Janeiro, Brazilujo, fr. 6.
*Bulgara Esperantisto,* Administracio de la Bulgara Esperantisto en Sofio Bulgaria, . 1'5c.
*Centramerika Esperantisto,* Quezaltenango, Guatemala, fr. 3.
*Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu,* Praha II-313 Kariovo Námésti, Bohemujo, Austrujo, fr. 3'
*Eĥo Esperantista,* aldono de l'Echo, Wilhelmstrasse 29, Berlino, Germanujo, senpage.
*Eksport-Ĵurnalo* Union» Esperanto-Verlags-Gesellschaft, Frankfurt a M. Germanujo.
*Esperantisten,* 37, Surbrunnsgatan, Stockolm, Svedujo, fr. 3'50.
*Esperanto,* 8, rue Bovy-Lysberg, Genevo, Svisujo, fr. 3.
*Espero Katolika,* Mr. Peltier, Sainte-Radegonde (Indre, Loira), Francujo, fr. 5.
*Espero Pacifista,* 26, rue de Chartres, Neuilli-sur-Seine, Francujo, fr. 5.
*Finna Esperantisto,* Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando, fmk. 3.
*Foto-Revuo Internacia,* 118-bis, rue d'Assas, Parizo, Francujo, fr. 5.
*Germana Esperantisto,* 95, Prinzenstrasse, Berlino, Germanujo, ms. 3.
*Helpa Lingvo,* F-ino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago, Danujo, kr. 1'2c.
*Idealo,* Corso Calatafimi, 495, Palermo, Italujo, fr. 3.
*Internacia Socia Revuo,* 45, rue de Saintonge, Paris III^a Francujo, fr. 6.
*Japana Esperantisto,* 3ĉome, Jurakĉo, Kojimaciku, Tokio, Japanujo, fr. 3.
*Juna Esperantisto,* 33 rue Lacépéde, Paris 5.^a, Francujo, fr. 2'50.
*La Esperanta Instruisto,* 85, Fleet-St., London, E. C., fr. 2'50.
*La Belga Sonorilo,* 53, Ten Bosch, Bruxelles, Belgujo, fr. 6.
*La Verda Standardo,* Mr Marich. Agoston, Ülloi-Ut 59, Budapest, IX, Hungria, Austrujo; k. 4,
*La Saksa Esperantisto,* S-ro Fritz Stephan, en Leipzig (Germanujo), fr. 1.
*La Pioniro,* Champion-Reef, Mysore State, South India, Angla, fr. 5.
*Lingvo Internacia,* 33, rue Lacépéde, Paris, V-e, Francujo, fr. 7,50.
*La Revuo,* 79, Bd St Germain Parizo, Francujo, fr. 7.

*L'Espérantiste*, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, Francujo, fr. 4.
*Lumo*, bulgara-esperanto, S-ro Nenkov, rue Gorska, 2299, Tirnovo, Bulgarujo, fr. 2.
*Pola Esperantisto*, 26, Akademicka, Leopolo, Austrujo, fr. 2'50.
*Ruslanda Esperantisto*, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St. Petersbourg, Rusujo, fr. 7'50.
*Svisa Espero*, 6, rue du Vieux Collége, Genéve, Svisujo, fr. 2'50.
*Tra la Mondo* (multilustrita), 15 boulevard des Deux Gares, Meudon S. O., Francujo, fr. 8.
*The American Esperanto Journal*, boulevard Station, Boston, Mass., U. Ŝ. A., fr. 5.
*The British Esperantist*, 13, Arundel street, London W. C., Anglujo, fr. 4.
*Verda Stelo*, 3.ª del Relox, 12, México (Distrito Federal), 1 peso.

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

# ANONCOJ

*S.ro J. Martínez Aloy*, (16, Samaniego, Valencio—Hispanujo) kolektanto de vizitkartoj antaŭaj al la jaro 1830, deziras korespondi kun ĉiulandaj esperantistoj, kiuj povos sendi al li ian ekzempleron. Li rekompencos ilin bonege per hispanaj ventumioj aŭ per fotografaĵoj.

*S.ro Carlos Charrier* (calle de Zabala, 77, Montevideo—Uruguay) deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun tutmondaj ĝesamideanoj. Ĉiam kaj tuj respondos.

**Al la Tutmondaj Instruistoj.** La Instruada Komitato de la Brita Esperantista Asocio, konsiderante, (1-e) ke tre gravan rolon en la disvastigo de nia lingvo devar ludi la instruistoj; kaj (2-e) ke grandan profiton povus efektivigi interrilatiĝo intediverslandanoj en tiu fako, proponas ke oni organizu, ĉe la Kvara Kongreso, specialan kunsidon de tutmondaj ĝeneralaj instruistoj (ne nur profesiaj instruistoj, sed ankaŭ neprofesiaj instruistoj de Esperantoj).

Por tiu celo, ni petas ke ĉiu, kiu aprobas la proponon, bonvolu tuj sendi al ni la sekvantan sciigon:—Nomon, adreson, fakon de instruado, kaj ĉu li intencas ĉeesti la Kvaran Kongreson.

Nia komitato tre volonte entreprenus fari ĉiujn klopodojn pri la afero; sed ni opinias ke, ĉar la Kvara Kongreso okazos en Germanujo, eble la germanaj instruistoj preferos preni sur sin la plezuran taskon. Se tiu konkludo estas ĝusta, ni sendos al ili ĉiujn ricevitajn nomojn, kaj proponos nian helpon pri la korespondada laboro, se la germanaj organizontoj tion bezonos.—*Charles E. Cowper*, prezidanto de la Instruado Komitato de la B. E. A., 13, Arundel-street, Strand, London, W. C.

con tan excelentes elomentos está trazado el plan general de la obra española, y, prescindiendo del éxito que han tenido las ediciones tradueidas de dichas obras (la versión rusa del Meyer alcanza una «tirada de 30,000 ejemplares), ha presidido á esta edición la idea eminentemente patriótica de poner la obra española á un nivel que rivalice con las citadas publicaciones, que son la «síntesis de la cultura de un gran pueblo» Agencia en Valencia: Cirilo Amorós, 24.

---

## EN 3 MINUTOJ VI POVAS GAJNI 50 FRANKOJN

PARTOPRENANTE LA LUDON DE LA LIMERIKO

LA SUNO HISPANA
Februaro
*Detranĉu tiun kuponon kaj sendu ĝin kun via respondo.*

Tiu ludo certe interesos ĉiujn Esperantistojn, ĉar ili povos ricevi monan premion da 50 frankoj, kiel rekompenco de triminuta pripensado.

KONDIĈOJ DE LA LIMERIKO

1. Aldoni al la jenaj kvar versoj unu verson, kiu rimos kun la unua kaj havos la saman nombron da silaboj.

*Iam, pluv'alparolis venton.*
*«Batali mi havas la tenton*
*Por fini la vian influon.»*
*La vento respondis sen bruo:*

. . . . . . . . . . . . .

2. Sendi, kun tiu verko: *a*) sian nomon kaj plenan adreson; *b*) mandaton aŭ poŝtmarkojn po fr. 1'25 (1 ŝilingo, 1 marko, 50 spesdekoj); *c*) la kuponon kiu estas en la angulo de tiu ĉi teksto al
LA LIMERIKO, *librairie de l'Esperanto*, 15, rue Montmartre, Paris.
3. Oni devos sendi la verson antaŭ la fino de Marto. (Se du versoj estas egale bonaj, la unue alveninta ricevos la premion).
4. La juĝistoj estos S.roj Gabriel Chavet kaj Pujula-Valjes.
5. La plej bona verso ricevos monan premion da fr. 50 (40 ŝilingoj, 40 markoj, 20 spesmiloj).
6. La nomo de la gajninto estos publikigata ĉiumonate en tiu ĉi jurnalo.

---

# Sociedad Española

## PARA LA PROPAGACION DEL ESPERANTO

### CUOTA ANUAL, UNA PESETA

PÍDANSE INFORMES Á LA ADMINISTRACIÓN DE ESTA REVISTA

## COMITÉ DE PATRONATO EN ESPAÑA

Excmo. Sr. D. Angel Pulido, Senador del Reino y de la Academia de Medicina.
Excmo. Sr. D. Luis Moncada, General de División.
Illmo. Sr. D. Salvador Padilla, Director del Instituto General y Técnico de Orense.
Excmo. Sr. D. José Enrique Serrano Morales, Gran Cruz de Alfonso XII.
Sr. D. Román Ayza, Teniente Coronel de Estado Mayor y Doctor en Ciencias.
Excmo. Sr. Marqués de Villalba de los Llanos y de Azueba.
Rdmo. P. Manuel Sánchez, Prepósito General de las Escuelas Pías.
Sr. D. Juan J. Durán y Loriga, Comandante de Artillería.
Sr. D. Leonardo Torres de Quevedo, de la Academia de Ciencias Exactas, Físicas y Naturales.
Illmo. Sr. D. Ricardo Codorníu, Ingeniero Jefe de Montes.
Excmo. Sr. D. Juan Bautista Benlloch, Obispo preconizado de Urgel.
Excmo. Sr. D. Juan La Cierva, ex ministro de Instrucción Pública y actual ministro de Gobernación.
Excmo. Sr. D. Manuel García Prieto, ex ministro de Gobernación y de Gracia y Justicia.
Sra. D.ª Emilia Pardo Bazán, presidente de la Sección de Literatura del Ateneo de Madrid.

## CÓNSULES ESPERANTISTAS EN ESPAÑA

**Murcia.**—D. Ricardo Codorníu. Malecón, letra C.
**Valencia.**—D. Vicente Marzal. Ribalta, 6.
**Aguilas** (Murcia).—D. Normán Maclean.
**Santiago** (Galicia).—D. Santiago Carro García. Toral, 6.
**Castellón.**—D. Victorino Aparici. Pí y Margall, 7.
**Burgos.**—D. Teófilo Martínez. Plaza Mayor, 45, pral.
**Bilbao.**—D. Gregorio Prados Urquijo. Alameda de Mazarredo, 1, 3.º
**Coruña.**—D. Romualdo González. Marina, 25, pral.
**Cuevas de Almudén** (Teruel).—D. Serafín Villarroya.
**La Guardia** (Jaén).—D. Serafín Baudín Agüero. Parra, 4.
**Carcagente.**—D. Domingo Taléns.
**Enguera.**—D. Fernando Soler Valls. Plaza Martín Barrón, 11.
**Simat de Valldigna** (Valencia).—D. Julio Morató Gil.
**Sigüenza** (Guadalajara).—D. Eduardo Cano. San Roque, 24.
**Algeciras** (Cádiz).—D. Isidoro Moreno. Comandancia de Carabineros.
**San Fernando** (Cádiz).—D. José Garzón Ruiz.
**Santa Cruz de Tenerife** (Canarias).—D. Eladio González Ribero. Jesús Nazareno, 44.
**El Royo** (Soria).—D. Florencio Arambilet.
**Barcelona.**—D. Alfonso Sabadell. Diputación, 280.
**San Sebastián.**—D. Julio Garrido. Regimiento Infantería Sicilia.
**Tarancón** (Cuenca).—D. Julio Larrañaga.

# GRUPOS ESPERANTISTAS ESPAÑOLES

**Murcia**.—Presidente, D. Norman Maclean (Aguilas).—Secretario, D. Antonio López Villanueva (Vergara, 12).
**Valencia**.—Pres. D. Román Ayza (Roteros, 16).—Secret. D. Vicente Marzal (Ribalta, 6).
**Albarracín** (Teruel).—Pres. D. José M.ª Lozano (Portal de Molina, 20).—Secret. D. Joaquín Sánchez.
**Manresa**.—Pres. D. Miguel Espectante.—Secret. D. Eduardo Segarra (Morne, 10).
**Cardona** (Barcelona).—Pres. D. Ramón de Subirá.—Secret. D. Juan Bautista Pelayo.
**Toledo**.—Pres. D. Ventura Reyes (Alfonso XIII, 7).—Secret. D. Juan de Ozueta (Academia de Infantería).
**Solsona** (Lérida).—Pres. D. Antonio Mayo.—Secret. D. Ramón Gabernet.
**Coruña**.—Pres. D. Pascual Perea (S. Andrés, 153).—Secret. D. Manuel Monteagudo (Bailén, 6).
**Enguera**.—Pres. D. Fernando Soler (Martín Barrón, 11).—Sec. D. Manuel Jordá (Angeles, 16).
**El Royo** (Soria).—Pres. D. Florencio Arambilet (Farmacéutico).—Secret. D. José Oberlé (Colegio del Carmen).
**Sestao** (Vizcaya).—Pres. D. Florencio Esquivela (Rivas, 86).—Secret. D. Esteban Cortadi (Iberia, 5).
**Barco de Baldeorras** (Orense).—Pres. Sr. Ameijeiras.—Secret. Sr. Argemiro.
**Santiago** (Coruña).—Pres. D. José Santaló (Cardenal Payá).—Secret. D. Santiago Carro (Toral, 6).
**Tarancón** (Cuenca).—Pres. D. Eugenio Calvo (Comandante de Infantería).—Secret. D. Antonio Alonso (Registrador de la propiedad).
**Orense**.—Pres. D. Eduardo Macía.—Secret. D. Higinio V. Ameijeiras (Asociación de Obreros).
**Burgos**.—Pres. D. Manuel Esteban (S. Juan, 48 y 50).—Sec. D. José Sarmiento (Santocildes).
**La Guardia** (Jaén).—Pres. D. Enrique Gómez (Molinos, 1).—Sec. D. Serafín Baudín (Parra, 4).
**Foz** (Lugo).—Pres. D. Camilo Cela.—Secret. D. Antonio Villar (Farmacéutico).
**Bilbao**.—Pres. D. Teodoro Elizondo (Ronda, 29).—Secret. D. Rufino Unzaga.
**Barcelona**.—Pres. D. Alfonso Sabadell (Diputación, 280).—Secret. D. Augusto Pierre (Balsas de San Pedro).
**Vigo** (Pontevedra).—Pres. D. Bernardo Fernández.—Secret. D. Manuel Dovao (Lepanto, 5).
**Castellón**.—Pres. D. José Seijas.—Secret. D. Victorino Aparici (Pí y Margall, 7).
**Alcalá de Chisbert** (Castellón).—Pres. D. Rosendo Cucala.—Secret. D. Julio Payá.
**Benicarló** (Castellón).—Pres. D. Pedro Vidal.—Secret. D. José María Febrer.
**Sabadell** (Barcelona).—Pres. D. Félix Sotorra (Gracia, 43).—Secret. D. Juan Bautista Lladó (San Lorenzo, 45).
**San Sebastián**.—Pres. D. Julio Garrido (S. Jerónimo, 25).—Sec. D. Miguel Pérez (Avenida, 2).
**Portugalete** (Vizcaya).—Pres. D. Francisco Vallejo.—Secret. D. Manuel Cemborain.
**Tortosa**.—Pres. D. José Navarro.—Secret. D. Salvador Murall.
**Lugo**.—Pres. D. Higinio V. Ameijeiras.—Secret. D. Pedro González.
**Cartagena**.—Pres. D. Carlos Roca.—Secret. D. Alfredo Saralegui.
**Medina del Campo** (Valladolid).—Pres. D. Francisco Román.—Secret. D. Federico García.
**Simat de Valldigna** (Valencia).—Pres. D. Julio Morató Gil (Médico).—Secret. D. Angelino Ripoll.
**Gracia** (Barcelona).—Calle del Angel, 67, 2.º
**San Fernando** (Cádiz).—Pres. D. José Garzón.—Secret. D. Juan Castro.
**Carcagente** (Valencia).—Pres. D. Domingo Taléns.—Secret. D. Jaime Iranzo.
**Ubeda** (Jaén).—Pres. D. Juan G. Martín.—Secret. D. Juan de Dios Vico (Constitución, 33).
**Santa Cruz de Tenerife** (Canarias).—Pres. D. Juan Cambreleng.—Secret. D. Julio López.
**Villanueva y Geltrú** (Barcelona).
**Castillo de Locubín** (Jaén).—Pres. D. Francisco García Mochales.—Secret. D. Carlos Estremera.
**Vitigudino** (Salamanca).—Pres. D. Nicolás Ballesteros.—Secret. D. Fernando del Arco.
**Alicante**.—Pres. D. Miguel de Elizaicin (Medina, 37).—Secret. D. Celso Varona.
**Albacete**.—Pres. D. Rafael García Moreno.—Secret. D. Dominico Collado González.
**Madrid**.
**Badalona** (Barcelona).
**Sarriá** (Barcelona).